# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 47 (6) NOVEMBRO - DECEMBRO/85



ADRESO DE A.E.A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 GIJON - 6

- - - - - - - - -

ENHAVO




Depósito legal n-ro O/319/85

## ĈE LA SOJLO DE LA NOVA JARO

Jen ni enmanigas al vi, kara leganto, la lastan numeron de nia modesta bulteno por la tuj forpasanta jaro.

En ĉiaj revuoj, gazetoj, ĵurnaloj, k.t.p. oni kutimas, ĝenerale, profiti similajn okazojn (t.e. kiam oni estas ĉe la sojlo de nova jaro) por esprimi al ĉiuj siajn bondezirojn, kaj ni opinias ke vi antaŭvidas kiel probablan tian esprimon, do jen ĝi:

NI ESPRIMAS AL VI NIAJN BONDEZIROJN!!

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Sed ni ankaŭ deziras profiti ĉi-tiun okazon por voki vin, karan leganton, al verkado kaj kunlaboro. Eble vi konsideras niajn artikolojn seninteresajn, sensukajn kaj tedajn kaj, sekve, ne estas kontenta pri ili. Nur vi mem povas fari tiajn artikolojn pri kiuj vi estos kontenta, kaj ne ni mem. Do, ek al la verkado!

Espereble nia ĉi-supra alvoko sukcesu, eĉ se nur iomete, kaj ekde la nova jaro komencos lavange alveni en nian redaktejon viaj kunlaboraĵoj, viaj artikoloj, kiuj superŝutos nin.

ADONIS.-

# NIA ANTENO

En la monato Decembro ni festos, cetere kiel ĉiujare, la Zamenhof-Tagon. Temas ĉifoje pri la 126-a datreveno de la naskiĝo de nia Majstro, de tiu elstara homarano, kiu iniciatis Esperanton kaj per ĉi tiu ago liveris al la Homaro mirindan ilon por la interkompreniĝo de ĉiuj mondpopoloj. Ni ne dubas pri tio ke iam nepre "dissaltos la obstinaj baroj" kaj tiuj popoloj jam ne plu dividitaj "Komprenante unu la alian," "...faros en konsento rondon familian."

Ni jam disponas adekvatan programon, kiu, esperеble, disvolviĝu kontentige por ĉiuj gesamideanoj, samkiel por la ekstera mondo.



En Oktobro malfermiĝis "Mercaplana", la Porinfana Vintra Salono, por la periodo Oktobro 1.985 - Aprilo 1.986. Kaj denove tie flirtas nia verda flago super la stando, kiun oni disponigis al Esperanto, dank'al la klopodoj de nia senlace sindonema samideano Julio Argüelles, kiu cetere estas, en la nuna periodo, la nura deĵoranto en la stando.



Ankaŭ en Oktobro kaj okaze la Lernojaro 1.985/1.986 malfermiĝis en nia Sidejo, cetere kiel ĉiujare, la kutimaj Esperanto-Kursoj nome: Baza por tiuj, kiuj deziras ekkontakti la Internacian Lingvon, kaj Progresiga por tiuj, kiuj deziras regi ĝin. Ambaŭ E-Kursoj disvolviĝas kontentige, kvankam ilin partoprenas ne multaj gelernantoj.



En tiu ĉi "NIA ANTENO" ĉe la sojlo de nova jaro, permesu al Ni refoje paroli pri la JUBILEA KONGRESO, kiu fulmrapide alproksimiĝas. Okaze tia evento, kiu nedubeble estos epokfaranta mejloŝtono en la Historio de Nia Movado, ĉiu el ni nepre devas klopodi kiel eble plej dece omaĝi kaj Esperanton kaj Zamenhof-on. Ni opinias ke sindediĉo al disvastigado de la Lingvo, al ties plena regado per daŭra praktikado, konsistigos gravan kontribuon por la JUBILEO.

Do, ANTAŬEN !

Esperantistoj el GDYNIA (Pollando) volus viziti Hispanion kaj reciproke gastigi hispanojn en sia urbo. Bonvolu skribi al: Danuta Krygier

ul. Pulk. Dabka 54/2
81 - 107 GDYNIA
POLLANDO



# La katineto de mia avino

(historio)

Antaŭ kelkaj tagoj, legante la belegan verkon de Marjorie Boulton, "Faktoj kaj Fantazioj", en la ĉapitro pri la lojaleco kaj fideleco de la katoj, mi rememoris ion kio okazis en mia familio, dum mia infaneco antaŭ multaj jaroj.Ĉi tiu historio estas vera kaj okazis en urbeto el la Salamanca (elp. Salamanka) provinco, nomata Peñaranda de Bracamonte (elp. Penjaranda de Brakamonte),Hispanio,dum la jaro 1937.

Jen la historio: Kiam mia patra avo mortis, mia patra avino - restis sola en tro granda domo por nur unu persono.Tiam mia patro akordis kune kun siaj aliaj gefratoj, kaj kompreneble,kun mia avino, ke ŝi venu por loĝi kun ni en nia hejmo.

Nia hejmo estis lokita en la sama urbeto, kvankam malproksime de tiu de mia avino dek ses stratoj kaj du grandaj placoj.La konsentita tago, mia patro kaj mi iris ĝis la hejmo de mia avino por poste akompani ŝin ĝis la nia. La meblaro estis ŝarĝita sur kamiono kaj ni ekiris, sed en ĉi tiu momento mia avino diris: - Haltu!, mankas mian katineton. Efektive, mankis la belan persan katineton de mia avino. Kaŝtankolora katineto kiu havis silkan harkvaliton, grandajn kaj verdajn okulojn kaj estis tre petolema kaj karesema.

Mia patro kaj mi reeniris en la domon de mia avino kaj ni serĉis tra ĉiuj la ĉambroj, la korto kaj ankaŭ tra la malgranda ĝardeno, sed vane, la katineto ne aperis.Mia patro diris: - Bone,morgaŭ matene ni revenos kaj ni daŭrigos la serĉadon. Ni iris la sekvantan tagon sed la katineto ne aperis, malgraŭ ke ni serĉis ĝin eĉ la lasta angulo de la domo kaj ni alvokis ĝin laŭte. Ni reiris dum kelkaj tagoj sed la katineto ne aperis.Ankaŭ mi demandis al la najbararo sed neniu vidis la serĉantan katineton.

Estas sabato kaj jam pasis dudek tagojn, la suno estas mals-

# Progreso · Tekniko · Ekonomio · Laboro

Sendube la 20-a jarcento alportis al la homaro konsiderindan nombron da teknikaĵoj, kiujn entute ni konis sub la nomo progreso. Nun, kiam ni estas preskaŭ je la fino de la jarcento, multaj homoj sin demandas, ĉu estas vero, ke ĝi reprezentas progreson ? Oni komencas malfidi nian propran kapablon de realigo. Estas multaj homoj, kiuj sin demandas, kiacele tia stranga maŝinaro ? La vero estas, ke ankoraŭ oni ne scias, ĉu tio nomata progreso estas profita por la homaro. Evidente, tiu dubo rilatas al la ĉiutaga kunvivado de la homo en nia sociordo. Ja estas vero, ke multaj maŝinoj ŝanĝis la labormetodojn kaj eĉ la vivon de multaj personoj sed, ĉu ŝanĝiĝis la vivkondiĉojn de la civitanoj ?, ĉu tiu progreso teknika alportis pli bonajn rilatojn - inter la homajn estaĵojn ? Ĉu oni sin sentas pli feliĉa pro la fakto, ke oni posedas aŭtomobilon ? Se al tiu demando oni respondas jese, oni devas konkludi, ke ankoraŭ en la mondo estas homoj malfeliĉaj, pro la fakto, ke ili ne posedas aŭtomobilon. Sed la problemo estas multe pli grava; estas homaj estaĵoj, kiuj malsatas, ĉiutage mortas miloj da homoj pro ne sufiĉa nutrado. Nu, kie estas la progreso de nia 20-a jarcento ?, al kio utilas tiu moderna, komplika kaj multkosta maŝinaro ? Ĉu la homo inventis ion por vivi pli feliĉe, en vera frateca harmonio ? Evidente ne. Oni progresis rilate al la teknikaĵoj, sed oni fiaskis pri racia kunvivado. Kun apenaŭ ŝanĝoj oni vivas same kiel antaŭ multaj, multaj jaroj. La triboj regas en la libera socio. Estas homoj submetitaj al la kapricoj de estro aŭ estroj de triboj. Jes, tiuj regantaj grupoj, tiuj tribaj estroj ne similas al tiuj antaŭaj, ĉar multaj aspektoj ŝanĝiĝis, estas aliaj konceptoj, estas inkluzive aliaj vivformoj, sed funde ĉio restis senmova. Ĉiopovaj sinjoroj, kiuj pro diversaj kaŭzoj, precipe la forto kaj la ruzeco, troviĝas en la pinto de la tribo, regas aliajn homojn, tiel senkompate kiel antaŭ centoj da jaroj. Jes, estas aliaj metodoj, estas aliaj iloj kaj rimedoj, eĉ la vivkondiĉoj ankaŭ ŝanĝiĝis, sed ekzistas la maljustaj diferencoj ekzistantaj en praaj tempoj. La homo rigardas alian homon, kiel perilon por per li atingi pli da povo, ĉu mona, ĉu persona prestiĝo. Same okazis en aliaj epokoj. La ĉefo de la tribo ordonis kaj rigardis siajn subulojn perantojn de siaj ordonoj kaj kapricoj. Hodiaŭ la situacio ne multe ŝanĝiĝis, ĉar la sinjoro de la monopolo rigardas siajn laboristojn, kiel instrumentojn, kiuj donos al li pli grandan povon, cele superi la alian monopolon. Same okazis en epoko de la triboj, kiam ĉiu estro celis superi la estron de la alia tribo.

Sed la scienco kaj la tekniko alportis al la sinjoroj de la diversaj nunaj triboj, novajn elementojn por atingi iliajn celojn. Se antaŭe oni bezonis la homan estaĵon kaj la bestojn kiel fundamentajn laborilojn, hodiaŭ ni troviĝas antaŭ novaj konceptoj pri la homoj kaj iliaj interrilatoj. Mi legis en La Faraono, ke kiam mankis sklavoj por konstruo de la gigantaj piramidoj kaj aliaj faraonaj konstruaĵoj, oni militis por akiri novajn sklavojn kaj daŭrigi la konstruadon de la monumentoj. Hodiaŭ kaj danke al la progreso, la formoj ŝanĝiĝis, ĉar la homoj kaj la bestoj ne plu estas bezonataj. Kompreneble, ne ĉiuj, sed tre granda nombro de la nunaj homaj estaĵoj estas rifuzitaj por la laboro. La egiptanoj tiutempaj batalis por la akiro de homoj kaj hodiaŭ la nunaj faraonoj batalas por forigi la laboristojn. Jen granda diferenco inter ambaŭ epokoj, kiuj en si mem havas la saman filozofion. Eĉ se vi analizas la aferon serioze, vi konstatos, ke la nuna epoko estas multe pli kruela. La nova situacio estas frukto de la tiel nomata progreso, surbaze de novaj teknikaĵoj, kiuj anstataŭas la homon. Kien ni iros sur ĉi tiu vojo ? Tiuj novaj sistemoj de produktado kaj de povo, neniel oni devas forgesi ĉi tion, kaŭzas en nia socio gravajn problemojn sociajn, ekonomiajn kaj laborajn. Tiuj nunaj cirkonstancoj devenas de la fakto, ke la rilatoj de la homoj inter si mem absolute ne progresis. De homo al homo estas nenia progreso, malgraŭ laŭdoj, promesoj kaj analizoj de niaj ekonomiaj filozofioj. Plej grave, se la rilatoj inter la homo mem ne progresas, la teknika progreso kaj ĉiuj ĝiaj derivaĵoj kaj komplementoj venos al kompleta fiasko.

Kiel oni povas mencii la progreson, kiam mortas tiom da homoj pro manko de nutraĵoj ? Kiel oni povas paroli pri progreso, kiam milionoj da homoj restas en la mizero, eĉ en tiuj landoj, kiuj tiom fanfaronas pri progreso ? La malsatintaj mortintoj estas viktimoj de la egoismo de la nunaj tribestroj, ĉar ili ne bezonas pliajn homojn por - siaj negocoj. Iam oni transportis la negrojn el Afriko al Ameriko, ĉar mankis brakoj por la laboro. Feliĉe tiu sklaveca situacio finiĝis, sed jen la loĝantoj de la afrika kontinento malsate mortantaj, ĉar ili ne plu estas bezonataj. La tribestro de la grande monopolo, kun la respondecaj registaroj ploras pro la sorto de tiuj malfeliĉuloj, sed ili ja faras nenion. Mi ne scias, ĉu ilia konscio povas troviĝi trankvila. Sed tiu danĝero nuntempe etendiĝas en la koro de la tiel nomata progreso. Kio okazos ? Sendube vi ankaŭ aŭdis diri, ke baldaŭ nia lando estos kiel Afriko. Kian servon donas al ni tiu progreso?, ĉu resti senlabora ? Eble vi pensas, ke la suskribinto estas kontraŭ la progreso; se jes, vi eraras. Mi estas favora al la progreso kaj al ĉiuj modernaj teknikaĵoj. sed mi asertas sen timo al eraro, ke se tiu progreso ne atingas ĉiun homon, tio fakte ne estas progreso. Ĉar, vi diru al mi, kia progreso estas por almozulo, ke iu homo promenis sur la luno ?, aŭ, kia progreso estas por senlaborulo, ke oni ne uzu konstante pli kaj pli da robotoj ?, aŭ, kia progreso estas tiuj maŝinoj por konservado de la manĝaĵoj, se li jam havas nenion por manĝi ?, kaj, kia progreso estas la televido, se diskriminaciata homo, povas atingi neniun ilon de komunikado por eksponi sian malfeliĉon, kaj se hazarde li ĝin atingas, la rezulto estas nea, kiel kutime ?

Sed ni forgesu ĉiujn ĉi tiujn problemojn kaj ni okupiĝu pri la situacio, kiu naskiĝas en la socio aŭ landoj, en kiu ekzistas tiu fikcia aŭ reala progreso. Jam neniu surpriziĝas pri novaj maŝinoj, oni povas diri al ni pri invento de la plej stranga maŝino kaj tion ni kredas tuj. Ni estas tiom alkutimiĝintaj al la teknikaj novaĵoj, ke ĉio fariĝas kredinda por ni. Maŝinoj kaj maŝinoj novaj invadas ĉiutage nian vivon kaj eĉ nian ripozon, kaj konstante ili estas pli perfektaj. Neniel oni devas forgesi , ke tiu perfekteco havas unikan celon, forigi la laboristojn kaj eltiri pli altajn profitojn. Maŝino aperinta en ĉiu jaro kiel grava kaj valora, la venontan jaron estos konsiderata kiel kadukan, malnovan. Ĝis kiam daŭros tiu evoluo ? Ĉu la industrio kaj la vivo, ĝenerale povos "manĝi" tiom da novaĵoj ?, ĉu tiu senbremsa progreso fine ne manĝos sin mem ? Estas alia flanko de la monero, ĉu la inventemo de la tekniko kapablos superi sin kaj aperigi novajn produktojn ?, aŭ, ĉu iam la teknikistoj ne kapablos tion fari, kio signifos gravan stangon de la progreso ? Tiu defio estas ege danĝera por la disvolviĝo de la ekonomio kaj konsekvence de la laboro. Kio okazos kiam alvenos tiu ĥaoso ?, ĉar, en mia opinio, nek la tekniko povos ĉiam sin superi, nek la kapitalo povos aĉeti ĉiujn eltrovaĵojn de la tekniko kaj scienco. Kiam alvenos tiu kontrasto?, ĉu ĝi estos subita, aŭ male, ĝi venos malrapide, dum kelkaj jaroj ? Sed la problemo estas scii, kio okazos al tiuj milionoj da laboristoj okupitaj en tiuj taskoj ? Kio okazos en Japanio, lando, kiu precipe vivas el siaj teknikaj eltrovaĵoj ?, ĉu tiu lando ĉiam kapablos daŭrigi tiun konstantan superadon de siaj produktoj ?, kaj kio okazos se la industrio, la kapitalo ne povas aŭ ne deziras, pro financaj kialoj, apliki tiujn japanajn inventojn ? Ĉu tio ne signifus senmezuran katastrofon por tiu lando, aplikeblan ankaŭ al aliaj landoj ?

Alia ekzemplo: tiu de la milita usona industrio. Ĝi alvenis al tiom alta grado de perfektigo, ke oni ne scias, kiamaniere subteni tiujn entreprenojn, kiuj sin dediĉas al la fabrikado de militaj armiloj. Post fabrikado de tiuj modernegaj raketoj, kion fari ?, nu la respondon vi jam konas: oni decidis inventi la "militon de la galaksioj". Eĉ la usonanoj mem bone konscias, ke tiaj militoj ne eblas. Tamen, kiam la periodo de la "militon de la galaksioj" estos finita, oni inventos la "militon de la suno", aŭ kiun ajn militon. La realo estas, ke ekzistas industrioj, kiuj ne scias kion fari kaj ilin oni dediĉas al la fabrikado de militaj armiloj. Evidente, tio estas tre komplika por klarigo en kelkaj linioj. La fakto, estas, ke la progreso iograde haltis. Unike brilas la militaj industrioj, ĉar iliaj produktaĵoj ja signifas nenian progreson por la vivo de la homo. La homo ne uzas tiujn inventojn de la tekniko kaj fakte ili havas nenian valoron, kiam oni parolas pri progreso.



Ni troviĝas antaŭ tre grava, tikla kaj problema situacio. La kreskado de io ajn sen ia kontrolo estas fiasko pro manko de organizado. La progreso, la tekniko, kiel la vivo mem, devas antaŭeniri trankvile sur vojo glata. Sed tio apenaŭ eblas en nia sociordo, kies celo estas la atingado de mono kaj povo. En la hejmo, kie ne ekzistas vera distribuado de la ekonomio ĉiam estas malfeliĉo, do, la ekzemplo ankaŭ estas aplikebla al la homaro. En socio racia ne povas ekzisti homo, kiu laboras kaj homo, kiu ne laboras. La progreso venas por ĉiuj, ne por kelkaj, kaj se tiu progreso ne atingas ĉiun homon, la realo estas, ke ni regresas, malgraŭ tio, ke ekzistas la plej "inteligentaj maŝinoj".

Tamen la demando estas: ĉu la disvolviĝo de la tekniko kaj la scienco kapablos subteni la disvolviĝon de la industria progreso, kaj, ĉu ĉi tiu progreso povos meti en praktikon la eltrovojn de la scienco kaj la tekniko ? Kio okazos se rompiĝas ĉi tiu "kunvivado" ?.

LUIS SERRANO PEREZ

(SABADELL)



(daŭrigo de la paĝo 3)

perinta ĉe la horizonto, ni sidas en la korto ĉar pro la varmo la restado interne de la domo estas sufoka. Mia avino kaj mia patrino parolas, dum mia patro, "helpata de mi", riparas mian triciklon. Subite, mia avino ordonas silenton, ĉar ŝi aŭdis miaŭojn. Ni ĉiuj streĉis niajn aŭdeblecojn kaj atente ni aŭskultis; jes!, efektive, sur la tegmento de la domo, kato estas miaŭante. Mia avino, tute nervoza ekstaris kaj alvokis ĝin, kaj tiam, ombro, rapida kiel fulmo, saltis de la tegmento ĝis la sino de mia avino.

Post la granda surprizo kaj konstatante ke ĉi tiu katineto estas la amata katineto de mia avino, ni pensis kaj parolis serioze pri ĉi tiu okazo.

Kiel mi antaŭdiris, la distanco inter la domo de mia avino kaj la nia estas granda. La katineto devis trairi dek ses stratojn kaj du placojn - plenplenaj je geinfanoj kaj mezaĝaj geknaboj, ĉiam pretaj pendigi de la vostoj de la malfeliĉaj bestoj grapolon da malplenaj ladskatoloj.

Kiel la katineto, post dudek tagoj atingis nian domon ?

Kiel ĝi trairis la stratojn kaj placojn, kaj aperis, precize, sur la tegmento de nia domo ?

Kiu instinto gvidis ĝin kaj kie ĝi estis dum la dudek tagoj kiuj ĝi estis malaperinta ?

Ĉi tiujn demandojn kaj aliajn ni faris nin dum multaj jaroj, sed neniam ni povis trovi kontentigan respondon kaj la katineto nenion diris pri la afero, ĉar kompreneble ĝi nur scias miaŭi sed ne paroli.

Mia avino vivis kun ni kaj sia amata katineto pluraj jaroj, kaj ĉiujare ni festis la datrevenon de la reapero de la persa katineto, ĝis kiam ĝi mortis pro maljuneco.

Verkis: SANTJAGO MULAS

Gijón, Decembro 1985



## EL LA PROVERBARO DE ZAMENHOF

* Al ĉiu besto plaĉas ĝia nesto.
* Famo ne flugas, se kaŭzo ne estas.
* Kapuĉo monaĥon ne faras.
* Per vorto ĝentila ĉio estas facila.
* Pli valoras vinagro donacita, ol vino aĉetita.
* Ridas blindulo pri lamulo.
* Ne juĝu pri afero laŭ ĝia ekstero.
* Tro da bono ne turmentas

Nia literaturo

# UNUAJ PAŜOJ

Esperanto, internacia lingvo,naskiĝis pro kulturaj postuloj el la teknika progreso disvolvita de la industria revolucio. Malgraŭ ke antaŭvide kiel modeltipo, delonge, de LEIBNIZ kaj aliaj filozofoj , nur disvolvo de la komunikaj medioj (fervojoj, telegrafo, kaj poste,radio, televido kaj aviado) kreus necesajn kondiĉojn kaj sufiĉaj por ĝi justigi ĝian alvenon. La teknikaĵoj, kiuj alproksimigis la homojn, devis esti helpata de la kulturo. Simpla komuniko-kodo ne salvus la problemon, kiu disvastigas la nivelon ekskluzive teknikan . Pro tio la esperant-aŭtoro estis antaŭ ĉio, kultura viro kaj artisto. Sia idiomo iris plu de la antaŭvidoj el la filozofoj, do, pro ĝia mem-strukturo,estas lingvo de grandegaj ebloj verfaradaj. LEJZER LUDWICK ZAMENHOF deziris krei idiomon kiu povu esti parolata kaj sentata, kaj dum siaj unuaj - eksperimentoj uzis ĝin, precize, por fari poezion.

Jam en sia libro, "Unua libro", kiu prezentis Esperanton al la mondo, aperas du poemojn: "Mia penso" kaj "Ho, mia kor'". Entute,estas konataj kvin gravaj poemoj originalaj de ZAMENHOF. Malgraŭ ke hodiaŭ oni inklinas malŝati ilin, do en ili oni vidas nur simpla emocia lirika,la ritmo de sia lingvaĵo, sia melodio, kaj sia elvokiga forte havas nedispu eblan ĉarmon, tial povas ilin kompari al la pli bonaj produktaĵoj - de la eŭropa romantiko. Krome, la grava talento poeta de ZAMENHOF oni metas relevante pli malfrue, por traduki belege esperante al SHAKESPEARE, GOETHE, SCHILLER, HEINE kaj aliaj poetoj per kiuj komencis la kreado de la literatura tradicio kultura en tiu ĉi idiomo, kio estas tiom pli inda de esti memorata, precipe, ĉar post preskaŭ unu jarcento, popolo malbone informita kutimas diri ke Esperanto estas idiomo sen kulturo.

Oni povas diri ke la literaturo esperanta naskiĝis kun la idiomo mem, do ĉeestis dum la mem-ago de sia kreado, en la publikigo de la libro kiu prezentis ĝin kiel idiomo en 1887.

Pro ĝia konscia nasko, kaj ne forgesu ke ĉiuj modernaj lingvoj estas frukto el sinsekvaj meditoj, la esperantistaro, de la komenco,dividiĝis laŭ du opinioj: tiuj, kiuj kredis ke por fiksi la idiomon kaj motivi kulturan tradicion estas necesa uzi ĝin por krei verkoj,laŭ ekzemplo de ZAMENHOF mem, kaj tiuj, kiuj konsideris pli grave la tradukajn verkojn, do ili kalkulis ke donus pli prestiĝon al la lingvo la disvolvo de ĝia esprima kapablo per tradukoj de gravaj literaturaj - verkoj. Tiu ĉi inklino ĉiam havis multajn adeptojn, inter kiuj estis la hungara KOLOMANO KALOCSAY,kiu, malgraŭ ke li estis grava poeto de la internacia lingvo, tamen, uzis la plej grava de sia talento al la tradukoj. Hodiaŭ estas eldonata esperante 15 verkaĵoj de SHAKESPEARE, la"Dia Komedio", "Fausto" de GOETHE, "La Floroj de la Malbono" kaj tradukoj el GARCIA LORCA, MACHADO, MOLIERS, STRINDBERG, IBSEN, CERVANTES GOGOL, SAIKAKU, BLASCO IBAÑEZ, POE, VICTOR CATALA, KOROLENKO,VOLTAIRE kaj KNUT HAMSUN, inter aliaj verkistoj, tiel, kiel "La Biblio" kaj"La Korano". Oni povus formu bibliotekon por preskaŭ dekmil volumoj da - gravaj literaturaj verkoj, tradukita esperante.

J.CARLOS CHAPULI MOTTA

Tradukita el ESPASA-CALPE

NAVIA 12.10.85






Budapest V., Széchenyi rakpart 6.
1395 Budapest 62. Pf.: 440
Telephone: 129-481

INTERNACIA INFANPENTRAĴKONKURSO

La jaro 1986 - iniciatinta de UN - estas la jaro de paco. Okaze de tio la Hungarlanda Packonsilio kaj la Hungara Televido anoncas internacian infanpentraĵ-konkurson, kiu titolas "Vivi ni volas!"

La konkurson povas partopreni ĉiuj infanoj de la mondo kiuj atingas la 6-an jaron, sed ankoraŭ ne estas 14-jaraj.

Oni povas konkursi per pentraĵoj kaj desegnaĵoj faritaj sole aŭ kolektive per iu ajn tekniko, kiuj prezentas la enhavon, la kredon kaj esperon de paco.

La alvokantoj atendas pentraĵojn kaj desegnaĵojn kiuj esprimas, ke la infanoj de la mondo volas vivi en paco kaj voĉdonaĵ por paca estonto.

Ni alvokas la infanojn, vivantajn ie ajn en la mondo - en Eŭropo, Nord-Ameriko, Azio, Afriko, Aŭstralio aŭ Sud-Ameriko - sendu siajn desegnaĵojn al la hungara konkurso. Ni alvokas la instruistojn, la pac - kaj infanmovadojn, la pacamantajn gepatrojn donu helpon al la pretigo, kolekto kaj sendo de infanpentraĵoj al Hungario.

Limdato de la sendo: 15-e decembro 1985.
Adreso: Országos Béketanács. H-1395. Budapest 62. Pf.440.

Sur la malantaŭan flankon de la artaĵo skribu ĝian titolon, la nomon, aĝon kaj adreson de la kreinto, krome eventuale la adreson de lernejo kaj nomon de la instruisto. Sur la pakaĵon skribu: ÉLNI AKARUNK! /Vivi ni volas!/

La senditajn pentraĵojn desegnaĵojn juĝistaro pritaksos. El la plej valoraj artaĵoj ni ekspozicios en decembro 1985 en Budapeŝto. La Hungara Televido daŭre komunikos pri la konkurso kaj faros filmon pri ĝi.

La plej valorajn artobjektojn en aparta albumo ni aperigos. Inter la kreintoj 6-9 respektive 10- 14 jaraj la juĝistaro juĝos 15-15 valorajn premiojn.

# Niaj Geamikoj el....

## LA FILOJ DE PAĈAMAMA

La keĉuoj, antikvaj loĝantoj de Peruo, submetis multajn amerikajn popolojn al si, sed ili ne kapablis submeti la kalĉakiojn, loĝantajn en la nunaj argentinaj provincoj Huĵuy, Salta,Katamarko kaj Tukumano. Sed malgraŭ la fiaskintaj invadoj, la keĉuoj,pro sia proksimeco kaj komercaj rilatoj, influis la kalĉakian popolon,kiu adoptis la keĉuan religion kaj lingvon.

En la keĉua religio ekzistas tri ĉefaj dioj: Inti, Paĉamama kaj Kilja (hispane Quilla). Inti estas la dio de la peruaj keĉuoj; Paĉamama estas la diino de la kalĉakioj kaj Kilja estas la diino de la boliviaj ĉoloj (hispane cholos). Inti sifnifas "suno",Paĉamama signifas "Patrintero" kaj Kilja signifas "luno".

Kiam oni vojaĝas tra la kalĉakia lando, oni povas vidi, sur la vojflanko, ŝtonamason;ĉi tiu ŝtonamaso estas la "apaĉeto",t.e. la altaro de Paĉamama, ĉar sub ĝi kuŝas la tero, t.e. Paĉamama.

Multfoje, kiam mi rajdadis kun miaj kalĉakiaj amikoj,mi haltis antaŭ unu el tiuj "apaĉetoj" kaj alproksimiĝis al la altaro por prezenti nian oferon al la diino, preskaŭ ĉiam floreton disŝiritan el la vojrando aŭ cigaredon ĵus ekbruligitan kaj murmuris en la keĉua lingvo la preĝeton al la bona diino:

"Paĉamama, sumaj mama, kusijo! kusijo!"

(Patrintero, bona patrino, aŭskultu min! aŭskultu min!)

La kalĉakioj, do, estis politeistoj kaj krom la tri ĉefaj dioj, ili havis multajn malbonajn diojn, inter ili, la kruelan,sangavidan kaj venĝeman Ciki, okazigantan ĉiujn malbonojn suferigantajn la homaron.

Kun la hispanoj venis la misiistoj, kiuj parolis al la kalĉakioj pri bona dio. Sed la kalĉakioj ne akceptis la bonan dion de la misiistoj, ĉar ili havis la bonan diinon Paĉamama-n, kiu nur postulis de siaj adorantoj, ke ili ĉiam gaju, ĝoju kaj ĝuu la bonaĵojn de la vivo, ĉar nur se ili estas gajaj ŝi fruktigos la kampojn kaj multigos la gregojn. Se ili havis tian bonan diinon,kial ili akceptu la dion de la misiistoj ? Sed ĉi tiuj estis apogataj de la harditaj hispanaj soldatoj kaj baldaŭ okazis konflikto. La



jezuita pastro Lozano en sia "Historio de la Kompanio de Jesuo en la paragvaja provinco", diras: "Estas Kalĉakio famega valo de ĉi tiu tukumana provinco, konata pro la multa hispana sango verŝita de la krueleco de ĝiaj sovaĝaj loĝantoj". Tio estas, la kolizio - inter hispanaj kaj kalĉakioj, inter Kristo kaj Paĉamama okazis la milito, aŭ pli bone, la militoj longe daŭradis.

La kalĉakioj estis venkitaj kaj ili devis akcepti la novan dion. Baldaŭ la konduto de la hispanaj soldatoj kaj precipe tiu de iliaj mastroj pruvis al la kalĉakioj, ke la bona dio estis bona nur por la blankuloj, ĉar por la indianoj li estis tiel malbona, kiel Ciki. Tial, malgraŭ la nova altrudita religio, ili ne forlasis la miljaran kulton de Paĉamama; publike ili kultis la altruditan dion, sed en la sekreto de siaj hejmoj kaj en la profundo de siaj arbaroj ili daŭrigis la kulton de Paĉamama. Kaj dum pli ol tri jarcentoj ili samtempe praktikis ambaŭ religiojn.

Tiu ĉi jarcenta praktiko muldis ilian spiriton same, kiel tiuj metalaĵoj tegitaj per nobla metalo, ĉar la kalĉakia spirito konsistas el solida nukleo, kiu formas ĝin - la kulto de Paĉamama - tegita de subtila tavolo, kiu briligas ĝin - la kulto de Kristo. Sed la kulto de Paĉamama alvenas ĝis la fundo de la spirito kaj ĝi estas sento, dum la kulto de Kristo kuŝas supraĵe kaj estas nur kutimo. Kaj en ĉiuj agoj de ĉi tiu popolo aperas ambaŭ religioj - supermetitaj super ĝia spirito.

Ankoraŭ nun, kiam iu ajn kalĉakio, marŝanto aŭ ĉasisto en la altaj montoj kaj ĉirkaŭata de la majesto de la pejzaĝo de siaj valoj vidas la akumuliĝintajn nubojn anoncantajn la timindan neĝoŝtormon, deĉevaliĝas kaj ekamasigas rulŝtonetojn por starigi la apaĉeton, la altaron de Paĉamama; kiam li amasigas sufiĉe da ŝtonetoj, li deponas sian oferdonon kaj murmuras la preĝon al la diino por ke ŝi malproksimigu la ŝtormon kaj liberigu lin de la Ciki-ajn malbonaĵojn. Eble kiam li estos sekura inter la muroj de sia humila adoba ranĉo, li priridos ĉi tiun agon, sed dum la danĝero atavisma, prapatra impulso revenigas lin en la miljaran kulton de Paĉamama, la eterna Patrintero.

Hispana pastro de la konkero skribis: "Al la kalĉakioj oni povas altrudi ajnan pentopunon, eĉ la plej rigoran kaj ili plenumos ĝin; oni povas postuli, ke ili sin skurĝu dum horoj kaj ili faros tion; sed kiam ili finos la skurĝadon, ili konsideros, ke jam komplezis al Dio kaj, senrimorse, ili fordonos sin al siaj pekaj diboĉadoj, kvazaŭ ili ne pekos". La pekaj diboĉoj pri kiuj parolas la hispana pastro, estas la festo, kiun ili dediĉas al sia diino, post kiam ili kultis la Dion de la blankuloj. Tio estas, unue ili kultas Dion kaj poste ili kultas sian diinon.

Por trompi la hispanajn aŭtoritatulojn ili adaptis sian religion al la katolika kaj koincidigis siajn paganajn festojn kun tiuj de la nova religio. Oni malpermesis al ili festi la Caja-on, t.e., la feston de Paĉamama, sed ili koincidigis ĝin kun la Karnavalo, kiu ankaŭ estas ĝojiga festo; kaj ĉi tie, en Amaicha del Valle, malgranda urbo de la Kalĉakiaj Valoj de Tukumano, kien oni invitis - min pasigi tiujn gajajn tagojn, oni malkaŝe nomas ĝin hispane "la fiesta de Paĉamama".

Ankaŭ oni malpermesis al ili celebri la feston de Ciki, dum

kiu la kalĉakioj oferis al la kruela dio infanon naskitan post la antaŭa festo, t.e.,infanon ankoraŭ ne unujaran. Kompreneble,la hispanoj malpermesis la infanoferojn kaj nun la infanoj estas anstataŭigataj de "guaguas", t.e., de pupetoj el bakita pasto.Anstataŭ - pendigi sur la arboj la oferojn al la kruela dio, ili pendigas mangaĵojn kaj frandaĵojn sur salikaj branĉoj kaj la Cika festo transformiĝis en la nunan ĵaŭdon de la kunpatrinoj (jueves de las comadres) per kiu komenciĝas la Caja-o.

Sed ili faris iom pli: ili adaptis la katolikan religion kaj transformis ĝin en politeisman, ĉar ili ne adoras Dion,sed adoras la sanktulojn. Mi opinias, ke en la tuta katolika mondo ne ekzistas popolo, kiu tiel profunde kultas la sanktulojn, kiel la kalĉakioj. En la humilaj ranĉoj, najlitajn sur la adobaj muroj, oni vidas multnombrajn bildojn pri sanktuloj kun maloftaj nomoj; kelkfoje ĉi tiuj bildoj reprezentas personojn, kiuj ankoraŭ ne estas sanktuloj, kiel tiuj pri Ceferino Namuncurá, la "tehuelĉa" indiano, kies beatecon - ankoraŭ oni ne proklamis en Romo. Kaj tio, kion oni povas konsideri malrespektaĵon: en iu ranĉo, inter la multego da sanktulbildoj, mi vidis la foton de la hispana kantisto Raphael.

Tiu ĉi kulto al la sanktuloj okazigis la "misaĉiko-n".El ĉiuj kutimoj de ĉi tiu popolo, neniu montras tiel evidente la sinceran - naivecon de ĝia fido.

En la kalĉakiaj preĝejoj oni vidas malmultajn sanktulstatuojn. Tio ĉi okazas ĉar la preĝejoj, same kiel la kalĉakia popolo, estas tre malriĉaj; krome estus neeble arigi la multajn sanktulojn preferatajn de la kalĉakioj. Tie ĉi la sanktuloj estas privataj posedaĵoj kaj neniu konas ĝiajn nomojn. La devotuloj nomas ilin laŭ la nomo de la proprietulino kaj por ili estas nur "la sanktulo de sinjorino Rosa" aŭ la"sanktulo de sinjorino María". La statueto okupas la ĉefan ĉambron sur la altareto, kovrita per vitra kloŝo gardanta ĝin kontraŭ la polvo kaj kontraŭ la muŝaj malrespektaĵoj.Kelkaj el ĉi tiuj sanktuloj famas kiel miraklistoj kaj tiam sur la muroj pendas multaj votoferoj.

Dum la seka vetero, kiam la pluvomanko minacas ruinigi la rikoltojn, unu aŭ pluraj kamparanoj decidas oferi meson al la sanktulo de sinjorino Rosa, por ke li pluvigu sur la teron. Estas tiam, kiam en la mirinda kalĉakia pejzaĝo aperas la "misaĉiko", la bunta, lanta , unutona pilgrimado de sanktulo serĉanta preĝejon, kiu eble distancas je pli ol dek kilometroj.

Tra la montetoj oni aŭdas kadencan, ritman,tamburegan tondradon. Sur la vojo leviĝas safrankolora polvamaso. La tamburega tondrado - alproksimiĝas; aldoniĝas akordionaj nazosonoj kaj poste eksonas fluta lamento. La muziko de ĉi tiuj tri instrumentoj konsistas nur el tri aŭ kvar notoj ripetiĝantaj laŭ unuritma motivo; ĉe vojkurbiĝo ekaperas kolora brilego: ĝi estas la"misaĉiko". Unue iras la tri muzikistoj; postiras amasego da knaboj portantaj multkolorajn oriflamojn ĉirkaŭantajn la portilon; poste iras la "promesanto" kaj iliaj geparencoj kaj invititoj. La oriflamportantoj estas filoj aŭ nevoj de la promesanto aŭ de la invititoj. Ju pli da oriflamoj, des pli bona estas la ekonomia situacio de la promesanto.

La procesio antaŭeniras lantema, kun la flegmo de la kalĉakio, kiu neniam urĝiĝas; ĝi sin direktas al la ranĉo de la sanktulproprietulino, kiu atendas ĝian alvenon. La procesio haltas an-

➤

taŭ la ranĉo kaj ĉesas la muziko. La promesanto petas permeson por kunporti la sanktulon; la mastrino permesas kaj oni demetas la vitran kloŝon. Solene oni starigas la sanktulon sur la portilon. La mastrino aldoniĝas al la procesio, la muzikistoj rekomencas sian ripetiĝantan motivon kaj la misaĉiko denove ekmarŝas.

La misaĉiko supreniras sur la montetojn, malsupreniras en la valojn kaj plilongigas sian marŝadon laŭ longa ĉirkaŭiro por viziti ĉiujn ranĉojn. Je ĝia paso ĉiuj salutas ĝin per krucosigno kaj multaj aldoniĝas al la procesio. Por tio, la aldoniĝanto devas - "renkonti la sanktulon" (la kalĉakioj diras "topar" la sanktulon). Tiu ĉi portas ĉe la antaŭa parto ruĝan rubandon pendantan ĝis la grundo. La "topanto" kisas la rubandon, pasas sub la portilo kaj aldoniĝas al la irantaro. Kiam la misaĉiko alproksimiĝas al iu ajn ranĉo, la muzikistoj plilaŭtigas la muzikon por atentigi la loĝantojn pri sia alveno. La ranĉmastro akceptas ĝin kaj regalas per "ĉiĉo" la muzikistojn, la portantojn kaj la promesanton; poste li "topas" kaj aldoniĝas al la procesio premegata de suno kaj polvo.

Fine, la misaĉiko alvenas al la preĝejo. La promesanto permes petas al la paroĥestro por celebri meson la sekvantan matenon. Oni enkondukas la sanktulon en la preĝejon kaj lokas ĝin tute proksime al la ĉefa altaro. La sanktulmastrino legas la preĝon al la sanktulo, pie aŭskultata kaj poste ĉiuj eliras el la preĝejo. La sekvantan matenon, post la meso, ili reprenas la sanktulon kaj eliras el la templo. Ekstere, sub silkblua ĉielo akceptas ilin la somera granda suno pleniganta per fajro kaj lumo la dolĉan kalĉakian matenon

La tamburado invitas al ekiro kaj denove la misaĉiko komencas sian pilgrimadon tra la polvaj vojoj, kvazaŭ luma, kolora makulo - enŝoviĝanta tra la soleneco de la kalĉakia pejzaĝo.

Dum la reveno neniu aldoniĝas. Se iu ajn aldoniĝus, li estus konsiderata kiel profitemulo, kiu volas partopreni la feston al la diino, ne partopreninte la feston al la sanktulo. Kontraŭe, dum la reveno la misaĉiko franĝiĝas; alveninte al la ranĉoj, la loĝantoj forlasas ĝin por repreni siajn laborojn. Sed multaj daŭrigas, ĉar la festo ankoraŭ ne finiĝis.

Ili lasas la sanktulon en la ranĉo de la mastrino, sur la altareto, sub la vitra kloŝo, ĉirkaŭata de voĉoferoj kaj la misaĉiko daŭrigas sian vojon ĝis la ranĉo de la promesanto. Alveninte ĉi tien ili konsideras, ke jam finiĝis la sanktula festo kaj ili pretiĝas komenci la feston al Paĉamama, tio estas, tiam komencas la "pekaj diboĉadoj", kiel diris la hispana pastro.

Iam mi deziris partopreni en ĉi tiuj pekaj diboĉadoj kaj mi aldoniĝis al misaĉiko. Kiam ĉi tiu alproksimiĝis, mi salutis la sanktulon per krucosigno kaj poste mi "topis" ĝin. Mi kisis la ruĝan rubandon, kliniĝis, pasis sub la portilo kaj aldoniĝis al la sekvantaro. Dum horoj mi iradis sub la fajra suno, ĉirkaŭita de - densa polvamaso. Mi aŭskultis la preĝon kaj pasigis la nokton en - la preĝeja placeto kun la aliaj partoprenantoj, kiuj rakontadis al mi siajn problemojn. La sekvantan matenon, post la meso, mi rekomencis la premantan, trolacigan iradon, sub la torturo de la suno, de la polvo, kaj de la ripetaĉanta muziko, kiam fine mi alvenis en la domon de la promesanto komenciĝis la festo honore al Paĉamama ,



"la peka diboĉado". Mi povas certigi, ke mi vidis pli da diboĉo, pli da peko, kvankam malpli da fido en multaj el niaj festoj. En Buenos Ajreso, iu ajn baptofesto aŭ edziĝofesto estas pretekstoj por pli da diboĉo kaj peko, ol en la festoj, per kiuj la kalĉakia popolo honoras sian diinon.

Vidante la gajecon de ĉi tiu popolo, kiu ĉiam trovas pretekston por organizi tiujn festojn honore al sia diino, mi demandas min, ĉu la kalĉakia popolo trovis la vojon al la feliĉo, al tiu neprenebla kaj forkuranta feliĉo pri kiu vane klopodegas ni, la aliaj homoj.

verkis: KATALIN

Amaicha del Valle (Tucumán), Februaro de 1.985



## ...Ĉeĥoslovakio

JARDUOPO DE GRAFIKA DESEGNO

En ĉeĥoslovaka urbo BRNO, en ĉiu para jaro okazas grandaj internaciaj ekspozicioj nomataj: "Jarduopo de Grafika Desegno".

En la jaro 1.984 ampleksis la ekspoziciaro la tri plej grandajn ekspoziciopalacojn en la urbo, en kiuj troviĝis ekspoziciataj pli ol 2.500 ekspoziciatajoj verkitaj de 556 artistoj el 56 landoj de ĉiuj kontinentoj. Laŭ esprimo de elstaraj mondaj fakuloj la ekspoziciaro en BRNO, aranĝata sub protekto de IOGRADA/ Internacia Konsilantaro de Societoj Grafikistaj - Desegnistaj/ estas la plej granda kaj la plej grava rigardamplekso de uzita grafika arto tutmonde.

Ekspoziciatajn librojn, ilustraĵojn, grafikajn aranĝojn de gazetoj kaj proponojn de novaj litertipoj venis trarigardi pli ol 35.000 vizitantoj aŭ fakuloj aŭ simplaj artŝatantoj. Alvenis gastoj el preskaŭ 20 landoj antaŭ ĉio el Eŭropo, sed ankaŭ el Japanujo, Mongolio, Hindujo, Kanado, Usono, Meksikio kaj aliaj transmaraj landoj.

Venonte Grafika Jarduopo estiĝos dum someraj monatoj 1.986. Estos ekspoziciataj afiŝoj kun pliaj interesaj verkoj de reklama arto.

Krom pure fakaj celoj, ludas Grafikaj Jarduopoj en BRNO signifoplenan rolon sur la kampo de tutmonda kunlaboro kaj de internacia interŝanĝo de kulturaj valoroj. Ili kontribuas al dezirinda internacia interkompreniĝo. Certe estus interese kaj dezirate renkonti okaze de ĉi tiu venonta granda internacia superrigardo kaj resumo de ĉiuspecaj grafikaĵoj kaj Esperantaĵojn kaj Esperantistojn.

Grafikisto Jan Rajlich AGI. Brno.



# KUIRANTE KUN PILAR

## DAKTILA PASTEĈO

INGREDIENCOJ: Rompiĝema pasto.

120 gr. da daktiloj.

60 gr. da migdaloj pulvorigitaj.

120 gr. da sukero.

2 supkuleroj da maizfaruno.

4 ovoblankoj.

iomete da butero.

glacea sukero.

iomete da rumo.

---

Senkernigu la daktilojn kaj kvaronigu ilin. Metu en pelveton kaj surverŝu rumon por kovri kaj trempadu dum du horoj.

Bategu la ovoblankojn ĝis firmeco, enmiksu migdalojn, maizfarunon, sukeron kaj la daktilojn.

Interne kovru butermitan bakujon per la rompiĝema pasto kaj plenigu per la miksaĵo.

Baku en bakforno je mezalta varmo dum 35 minutojn

La supraĵo ne devas bruliĝi tro multe.

Elprenu el la bakforno kaj surŝutu glacesukeron.

Remetu en la bakfornon kaj baku ankoraŭ dum du minutoj.

BONAN APETITON !